# PENSEO

N-ro 226

aŭg. / 2010

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 21-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Josip Pleadin (Kroatio)



### Neplenumita Revo

Perforte la vivo ŝiris min kun radiko
el patra lulilo dum tempo de mizero.
Forĵetita dise kiel sensema spiko
mi vagas kaj loĝas en kaduka kamero.

En fremda mondo plantita laborsklavo
vegetas sen amo, konsolo kaj espero.
Albume mutas fotoj de morta praavo.
Korŝire frostas kaj vintro kaj somero.

La sola deziro: reveni al patrujo,
dum peza laborado fleksas mian spinon.
Neplenumita revo: en hejma florbedo
albrustigi kaj kisi maljunan patrinon.



## Erzsébet Tuboly (Hungarujo)



### Hajlo

El mornaj nuboj
Glacibulojn ĵetadas
Ĉielaj buboj

Ĉielaj buboj
Vidantaj homajn larmojn
Hurlege ridas

Hajkoj pri junia vetero
Junia frosto
Triste tremas la plantoj
Suno sin kaŝas

Tridekkvar gradoj
Svenas plantoj, la natur'
Pluvon sopiras

Pluvas, pluvegas
Jen ĉielaj kanaloj
Elverŝas akvon

Pluvas, pluvegas
La vento furiozas
Arbojn elteras

Pluvas, pluvegas
Ŝtonoj en akvon dronas
Etas la homo

Pluvas, pluvegas
Inundo ĉion kovras
Sunon ni sopiras



## Anna Karlik (Hungarujo)



### Sen vi

Sen vi
mi ne povas
utila esti

Sen vi
mi ne emas
ion ajn festi

Sen vi
ŝajnas esti
mi duonhomo

Sen vi
malrapidas
ĉi duonhoro

Sen vi
mi ne havas
bonan humoron

Sen vi
mi ne sentas
bonan odoron

Sen vi
eĉ mi vidas
la mondon grize

Sen vi
mi komprenas
ja ĉion mise

Sen vi
mi sukcesas
nenion fini

Sen vi
mi kapablas
neniun fidi

Sen vi
mi solecon
komencas timi

Sen vi
mi verdire
ne indas vivi

Sen vi
mi kelkfoje
perdas la forton

Sen vi
mi volonte
elektus morton

Sen vi
mi sekrete
larmetas foje

Sen vi
do, nenio
okazas bone



## Attila József (1905-1937)



statuo de József

## Ribelo de geamantoj

### Imre Szabó (Hungarujo)



tradukis el hungara lingvo

Alvenos tiu nokto, kies
stelaro ĝis la koroj brulos.
Kun flagraj haroj, melodioj

ribelaj geamantoj kuros.

Kantante al la bordo portos
ĉiu la karan, ruĝan pezon.
Apertos vaste muĝa maro
kaj ili ĵetos ĉion en la mezon.

– Vi venkis, ni reportis amon,
la gustojn ni reportis, ploron,
katenojn niajn nun reprenu,
bandaĝu vian kordoloron.

Jen, prenu niajn ĉaptintilojn
pajacajn, kronon de l' esperoj,
saketon da faruno, tristan,
gluan manplenon da vinberoj.

Akceptu ĵus-ŝiritajn frondojn,
telerojn, balailon, korbon,
la lertajn laborilojn, sed ne
la liton – prenu nian korpon.

Kun fulgaj, braĝaj fruntoj ĉiuj
knabinoj, knaboj kaŭras tremaj,
vibrante al ili subŝvebas
enorme grandaj lunoj plenaj.

La akvo pro l' donacoj multaj
elvenas, ilin kovras trene,
tamen ĝi muĝas vane, tio
fortigas la kantantojn ene.

Knabinoj kantas: Jen ni, maro,
amara sal' vi estas en ni, –
kaj knaboj kantas: Jen ni, bordoj,
amara mar' vi estas en ni.

Kaj sur harnodo nun la maro
brilajn mortintojn lulas tinte,
kolere, triste ĝi memoras
pri l' amo jam silentiĝinte.



## Siv Burell (Svedujo)



# Pri la eventuala bono skribi poemojn

1.

Poem'
povas esti la ekstrem'
de la homaj diroj
regulitaj kun barem'
per duraj kondukiloj.

2.

Ĉu avantaĝ'
ni poemojn faru?
Almenaŭ sur paĝ
ni inkon ŝparu.

3.

Kernece, kurtece
estu la skribad'
spritece, gajece
ni vagu sur la pad' –
la pado de poem'
kun granda volem'
saĝajn aĵojn diri
kaj laŭdon akiri.

4.

Poemoj valoras
skribitaj de vi
sentoj koloras
la tagon por mi.

5.

Verki poezie
ho, granda labor'
sed tute alie
nur legi kun fervor'



# Ĉineske

## Manjianghong (Rivero Plenruĝa)

ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 11 versoj de 434,344,77,353 / 33, 33, 54, 77,353 silaboj respektive,laŭ rimaranĝo xxa,xxa,xa,xxa/xa,xa,xa,xa,xxa(x=senrima)

## Vejdo(Ĉinio)



### Kresko ĝis perfekteco

omaĝe al 30-jariĝo de Chongqing-a Esperanto-Asocio

—laŭ ĉineska skemo Manjianghong*

I.

ni tiame
junviglaj
kun energi'
flamanta
kaj celtrafe
klara konsci'
prezentis nian lingvon
jen al la tuta soci'
fervore
tage kaj nokte
per pasi'

nuntempe
en ebri'
ankoraŭ
ame ni
ĝin diskonigas
en pli kaj pli
diversspecaj sektoroj
ĝis pligranda dimensi'
ni oldaj
aktivas jam sen
fantazi'

II.

nia rondo
antaŭe
startis de nul'
kvazaŭ arb'
malfortika
en etmezur'
al ĝi mankis viv-akvo
ĝin ofte vipis tortur'
de vento
kaj ŝtormopluvo
el natur'

nuntempe
ĝi al tur'
similas
ĝia dur'
povas rezisti
jen kun sekur'
kontraŭ forta tempesto
kontraŭ adversa terur'
plenregas
en ĝi spirito
nobla nur

## Santaici (Tri Terasoj)

ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de ses silaboj kun krucrimo.

## Cindy Mckee (Usono)



### Ni loĝas en ĉi arbaro

Akvon li posedas,
ni ne rajtas trinki.
Tra-uzino-fluo
igas akvon stinki.

Arbojn ŝi posedas
por produkti tablojn.
Por preventi paŝi
oni ŝnuras kablojn.

Lasu lin uzini,

lasu ŝin produkti,
lasu nin posedi
fontojn por plifrukti.



## Viktoro (Ĉinio)

### Knabina beleco en somero

sur ŝia vizaĝo
brilas blank' malseka
glate delikata
nature senpeka

la rondetaj mamoj
tremetas en skuo
festenas l' okulojn
virajn per log-ĝuo

ŝiaj blankaj brakoj
kun svelt-longa formo
sorĉas rigardantojn
per luliga dormo

ha, ŝiaj femuroj
prezentas altire
lakt-jadan skulptaĵon
amindan inspire

## Yanke (Ĉinio)

### Birdoj revenas

betonaj domegoj
rifuzas kun certo
birdojn en aero
pro manko de verdo

nune jam revenas
birdoj en amaso
plantoj vivaj kreskas
laŭ doma teraso

## Yulinling (Tintado en Pluvo)

ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 11 kaj 12 versoj respektive de 4,44, 644, 65,347 / 7,35,634,426,345 silaboj, laŭ rimaranĝo a, xa,xxa,xa,xxa / a, xa, xxa, xxa, xxa (x = senrima)

## Lily (Ĉinio)

### Nevideba vundo

en mia kor'
ŝiaj perfid'
skandal-malglor'
tumultas senbride
senkompate
je ĉiu hor'
mi kvazaŭe aŭdas
subvoĉon en plor'
internan
el korfundo
pro troa malbonhumor'

vere pro ŝia ignor'
al mia
persvada fervor'
mi malesperiĝas
kvazaŭe
ĉe tigra vor'
tute helpas
nee
mia pena labor'
la vundo
gravuriĝas
en mia memor'



## Fendieer (Papilio)

ĉina fiksforma poemo el du samaj strofoj

kun po 8 versoj de 10,34,334,36 silaboj, laŭ rimaranĝo a, xa, xxa, xa (x=senrima)

## Vejdo (Ĉinio)

### Papilio en pluvo

pluvgutoj grase falas el ĉiel’
batante
en venta pel’
la florojn
la herbojn
per vipkruel’
ekĝemas
ŝi sub verda ombrel’

la papilio vestita en bel’
malseka
trema pro gel’
baraktas
al ŝirmej’
ŝia fier’
jam foris
el ŝia ĉiu ĉel’



## Cindy Mckee (Usono)

### Obeemaj

Obeemaj estas la infanoj.
Ni ĝojas.
Junaj manoj
harditaj.
Estonte
la organoj
lojalaj
al sociaj planoj.

Patriote pafas al paganoj
lojale
la infanoj
harditaj.
Estante
tiuj manoj
turnitaj
sklave al tiranoj.

## Cezar (Germanujo)



### Papilioj kaj anĝeloj

En pluvo knabo dancis sub ĉiel',
kun ĝojo,
sen iu cel',
kun granda
sentebri':
Homa anĝel'
sen pezo
ŝvebanta kiel vel'.

Fuĝinta papilio jam sen cel'
sur rando
de pajlĉapel'
ripozas
jen sur ĝi:
Besta anĝel'
post pluvo,
sen ŝirmo aŭ ombrel'.

## Kuxiangsi (Profunda Sopiro)

ĉina fiksforma poemo el du samaj strofoj kun po 8 versoj de 7,33,45,733 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xa,xxa (x = senrima)

## Eto (Ĉinio)

### Adiaŭado

per ĉagrena sentiment’
mi volas
en silent’
la aeron de ĉi moment’

tristigas
morna pent'
ekŝvebas
for kun vent'

mi domaĝas sen konsent'
deŝiri
sen atent'
ve, de lasta bela prezent'
plena je
larm-torent'
min kaptas
ĝena sent'

## Cindy Mckee (Usono)

### Ĝis-lando

Ĝis-lando
Sub la ĉiela tegment'
lasita
ĝis-fragment'
eksudis, ame, sediment'
por nova
kontinent'
kun larma
firmament'.

Tie kreskas freŝa ment'
el kisoj
kaj turment'.
Leviĝas de la orient'
saluta
sentiment'
ĝis kuna
okcident'.

## Lily (Ĉinio)

### Am' en silent'

Sidas sub luna kreskent'
mallhela
ni kun sent'
pasia en varma ferment'.
Nin tiklas
friska vent'
per milda
dolĉa tent'.

Ni senvortas en silent'
en brakum'
kun prudent'.
Kisoj iradas per frekvent'
senĉesa.
Ĉi moment'
nin puŝas
ĝis kontent'.



## Viktoro (Ĉinio)

### Vana pent'

kvankam kun inteligent'
li lernas
kun atent'
nur al lernojara poent'
li ludas
sen prudent'
petolas
ĝis kontent'

je ekzamena moment'
li trovas
sen talent'
problemojn kaprompa turment'
ve al li
larmtorent'
ne helpas—
vana pent'



## Cezar (Germanujo)

### Folidanco

Foli' flugas en la vent',
dancante
kun kontent',
petolas
en konsent'.
Jen sorĉo de l' prezent',
forloga
bild' sen pent',
magio
dum moment'.

Mi observas kun atent'
kun freŝa
vigla sent'
aŭtunan ludon de la vent'
en brila
lumtorent'.
Folidanc'
estas tent'.

## Genglouzi (Kanto de Akva Horloĝo en Noto)

ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po ses versoj de 33,6;33,5; / 33,6;33,5 silaboj, laŭ rimaranĝo xaa,xbb / xcc,xdd (x= senrima)

## Cindy Mckee (Usono)

### Voĉoj de blankuloj kaj aglo al mestizo

Dankeme
civiliz'
troviĝas en mestiz'
duone.
Abomen'
pli hela, amen!

La grundo
tre bruna
kontraŭ volbo suna-
predikas
naturo
pri blanka puro.

Topazo
en vento-
en tiu momento
li sciis.
Nur kriis
aglo - li sciis.

Videblis
la komun'
kun la majesta brun'.
Rompiĝis
monolog'
de blanka mensog'.



## Marina Jakovleva

## Esperantigis Igorj Ĥomjakov

### Mia feliĉa amiko

Li estas feliĉa homo! Al li ŝajnis, ke ajna monteto estas tombmonteto, ke per kano kovrita apudvoja kanaleto estas postsigno de “vojo de vikingoj al grekoj”[1], ke per musko kovrita marĉeto estas restaĵo de granda lago. Se li trovas ŝtonon, kiu almenaŭ nemulte diferenciĝas de simpla ronda ŝtono, do li estas certa, ke tio estas postsigno de grandaj belegaj temploj kun oraj kupoloj, kiuj estis ĉi tie en komenco de dua jarmilo post Kristnasko en

nia ne fama loko...

Lin maltrankviligas ĉirkaŭaĵo de restaĵo Koloĵe, la fortikejo, kiun detruis en 1406 granda litova duko Vitovt.

Li estas certa, ke ĝi estis ne simpla fortikejo. Ĝi estis granda, belega urbo, konkuranto de Pskov[2]. Tial oni ne rekonstruis ĝin post detruo. Tial ne estas en kronikoj mencioj pri estinta grandeco de Koloĵe, ja la kronikojn skribis loĝantoj de Pskov...

Certe oni kreis kronikojn por ies interesoj, tio estas nediskutebla. Rusoj laŭ ekzemplo de lastaj cent jaroj bone komprenis, kiel oni skribas historion. De fotoj malaperis homoj, dronis en silento eventoj, nur eĥo de famoj kuris laŭ lando, misformiĝis kaj malaperis...

En malproksimaj tempoj ne estis multaj aĵoj. Ne estis ĵurnaloj, libroj, fotoj, presejoj. Sed estis argila vazaro malmultekosta sed tre delikata. Ajna loĝejo de homo nepre estas ĉirkaŭita per multaj balaaĵoj. Inter la balaaĵoj estas tiaj, kiaj ne povas putri. En niaj sablaj montoj inter ŝtonoj kaj rulŝtonoj ne estas pecetoj de ceramiko kaj ostoj... Estas morenaj restaĵoj sed ne restaĵoj de belegaj urboj...

Sed kian sencon havas tiu skeptika balbuto, se mia amiko estas certa, ke tio estas ĝuste tiel!

De frua printempo ĝis malfrua aŭtuno li veturas sur biciklo laŭ vojoj, vojetoj kaj padoj. Sur direktilo de fidela fera ĉevalo ĉiam pendas lia paperujo. En paperujo estas ĉio. Inkluzive estas lorno.

Ankaŭ en ĝi estas hakileto, kiu similas kuirejan hakileton, sed tiu hakileto estas tre akra. Pro neceso li povas per ĝi dishaki sufiĉe dikan branĉon, se la branĉo blokas lian skizitan vojon...

Estas en paperujo detala mapo de nia loko. Foje mia amiko kun admiro montris al mi tombmontetojn, kiujn li markis per ruĝa farbokrajono.

– Kion tio rememoras al vi? – li flustris per emociplena voĉo.

Mi levis ŝultrojn, al mi tio rememoris nenion.

– Ja tio estas konstelacio de Granda Ursido! – li ekkriis.

Mi pririgardis mapon kaj diris:

– Tenilo de ĉerpilo estas turnita al alia flanko.

Sed por mia amiko tiuj tombmontetoj estas certa atesto de ne tera deveno de niaj antaŭuloj aŭ atesto de kontakto kun aliplanedanoj en antikva tempo. Verŝajne tiuj aliplanedanoj instruis unuajn loĝantojn de tiu loko plekti bastoŝuojn kaj konstrui kabanojn el traboj per diversaj manieroj...

Certe mia amiko estas ne sola, kiujn maltrankviligas pensoj pri perditaj paĝoj de gepatra historio. El revuo al revuo, el libro al libro, el unu paĝo de Interreto al alia paĝo nomadas elpensoj pri granda pasinteco de slavoj ĝenerale kaj rusoj aparte. Biblio de tiuj adeptoj kaj apologianoj de estinta pagana grandeco estas “Libro de Veles”[3], libro pri slavaj dioj: Perun, Daĵdjbog, Stribog kaj Mokoŝ. Ja oni tiel ne volas esti idoj de kaŝiĝa en arbaroj kaj marĉoj mizera popolo, kiu loĝis en malgrandaj kabanoj, sed en tiu tempo en Okcidenta Eŭropo, en Oriento, en Ĉinio, en Ameriko kaj tiel plu oni konstruis belegajn urbojn kaj templojn el brikoj kaj ŝtonoj!

Sed mi revenas al mia amiko.

Sola cirkonstanco, kiu malhelpas al li esti absolute feliĉa dum liaj biciklaj promenoj, estas homoj. Li estas certa, ke de post ĉiu arbeto lin observas malbonkoraj okuloj. Sed se li estos devigata defendi sin kontraŭ malamiko, do li venkos. En lia mirinda paperujo estas io, kio similas pneŭmatikan pistolon.

Foje en frua printempo ni iris laŭ malproksimaj vojoj serĉante ian antikvan ŝtonan krucon, kaj al ni ĵetis sin hundoj el ankoraŭ loĝata vilaĝo. Ili minace bojis plenumante sian devon, kaj amiko tre ektimis kaj decidis pafi.

Por eviti sangverŝon mi ĝentile ekparolis

kun hundoj, kaj ankaŭ feliĉe alveturis per aŭto ĉiloka loĝanto. Tial amiko ne batalis kontraŭ hundoj en malegala batalo (hundoj estis du).

En tiu printempo majo estis bonege varma, kaj amiko proponis al mi en festo Venko[4] aranĝi piknikon en belega senhoma valo super malgranda rivero. Vidaĵoj tie estas belegaj. Sed matene nemulte pluvis, mi rifuzis.

Vespere okazis telefona zumo.

– Estas bone, ke vi ne iris kun mi! – amiko diris. – Mi venis en hejmon jam en krepusko. Kaj dum vojo apud amastombo mi ekvidis iujn “nigrajn”[5]... Verŝajne ili malsanktigis!

Post dek tagoj en unu karesa maja tago mi trafis en tiu loko. Certe mi komence aliris rigardi “malsanktigita amastombo”.

Barileto estis sur sia loko, steleo kaj kronoj ankaŭ estis ĉi tie. Apud piedestalo de steleo staris plasta glaseto, kaj kuŝis oranĝa parteto. Ĉi tie oni rememoris.

Verŝajne amastombon (sur tiu loko dum Granda Patria Milito germanoj pafekzekutis multajn pacajn ĉi-lokajn loĝantojn) en Tago de Venko vizitis ciganoj. Kiel oni scias, ili tre suferis pro faŝistoj. Ili drinkis ĉi tie rememorante mortigitajn samgentanojn...

Plej amuza en tiu historio, laŭ mia opinio, estas tio, ke mia amiko ne havas slavan aspekton.

Li estas brunhaŭta nigrharulo kun brunaj okuloj. Tial estas strange, ke li parolas pri “la nigraj”...

Tamen malgraŭ ke mia amiko timas hundojn kaj ne simpatiis al homoj nek la blankaj, nek la ajnaj aliaj, li, mi ripetas, estas feliĉa homo. Li delonge trovis sian amon – gepatran regionon. Ĝiaj montetoj kaj lagoj, riveroj kaj valoj, arbaroj kaj herbejoj, reala historio kaj mitoj maltrankviligas lian poetan imagon. Jes, li estas poeto. Li verkas bonajn lirikajn versojn, ekzemple la tiajn:

Tie, kie super arbaro nubego ŝiris
Blankan ventron ĝis profundaj vundoj,
Sunsubiro kiel sango fluas
Per alarma lumo de fremdaj landoj.[6]

Li revu kaj verku. Kaj ni atentos Dian fajreron, kiu lumas en lia maltrankvila romantika animo...

*Notoj:*

*1. “Vojo de vikingoj al grekoj” – grava venda vojo tra Antikva Rusio en mezepoko.*

*2. Pskov – antikva urbo en nordokcidento de Rusio. En mezepoko ĝi estis granda kaj grava urbo.*

*3. “Libro de Veles” – mitoj kaj legendoj de antikvaj slavoj. Pli granda parto de specialistoj konsideras tiun libron kiel literaturan falsaĵon de deknaŭa jarcento.*

*4. Festo de Venko (Tago de Venko) – festo en la naŭa de majo, tago de venko de Sovetio kontraŭ faŝista Germanio en Granda Patria Milito (1941-1945).*

*5. “la nigraj” – malestima kromnomo de homoj, kiuj havas ne rusan naciecon.*

*6. Laŭvorta traduko el rusa lingvo.*

## Guy de Maupassant



## (1850-1893)

# LA BLINDULO

Kio do estas tiu ĝojo de la unua suno? Kial tiu lumo kiu falas teren plenigis nin per tia vivofeliĉo? La ĉielo tute bluas, la kamparo tute verdas, la domoj tute blankas; kaj niaj ravitaj okuloj trinkas tiujn viglajn kolorojn, kiuj ĝojigegas niajn animojn. Kaj venas al ni envioj dancadi, envioj kuradi, envioj kantadi, feliĉa leĝereco de la penso, speco de plivasta tenereco, oni volus kisi la sunon.

Ĉe la pordoj la blinduloj, kun la vizaĝo senesprima en sia eterna mallumo, kiel ĉiam, restadas trankvilaj meze de tiu nova gajeco, kaj sen kompreni , ĉiuminute ili kvietigas sian hundon, kiu volus kaprioli.

Kiam eknoktas kaj ili rehejmeniras, brako en brako kun juna frato aŭ eta fratino, se la infano diras: «La vetero estis bela ĉi-post-tagmeze!», la blindulo respondas : «Mi ja rimarkis, ke estis bela vetero, Lulu senĉese moviĝis. »

Mi konis unu el tiuj viroj, kies vivado estis unu de la plej suferplenaj homoj, kiun oni povas imagi.

Li estis kamparano, la filo de normanda farmisto. Tiel longe kiam la gepatroj vivis, oni kvazaŭe zorgis pri li; li ne tro multe suferis de sia horora handikapo; sed ekde kiam la gemaljunuloj forpasis, la kruelega ekzistado ekis. Kvankam lia fratino akceptis lin en sian hejmon, ĉiuj en la farmbieno trakis lin kiel almozulo kiu manĝas la panon de la aliaj. Okaze de ĉiu manĝo, oni riproĉis al li troan forkonsumadon de nutraĵo; oni nomis lin jen pigrulo jen kampulaĉo; kaj kvankam lia bofrato ekkaptis lian heredoparton, li malvolonte donis al li la supon, kaj nur tiom, kiom sufiĉas por ke li ne mortu de malsato.

Li havis la vizaĝon tute palan, kaj du grandajn blankajn okulojn kvazaŭ sigelopanojn; kaj li restadis senpasia malgraŭ la insultoj, tiom malkonfidenca, ke oni ne sciis, ĉu li aŭdis ilin. Cetere li neniam konis iom da tenereco, lia patrino ĉiam iom malmilde traktis lin, ŝi malmulte amis lin; ĉar en la kamparo la senutilaj estas malutilaj, kaj la kamparanoj volonte agus kvazaŭ la kokinoj kiuj mortigas la kriplajn inter ili.

Post glutado de la supo, li iris por sidiĝi, somere antaŭ la pordo, vintre kontraŭ la kameno, kaj li ne plu movis sin ĝis la vespero. Li faris nek geston, nek movon; li nur palpebrumis en speco de nerva suferado, kaj iafoje liaj palpebroj refalis sur la blankan makulon de liaj okuloj. Ĉu li klare konsciis pri sia vivo? Ĉu li havis nur menson aŭ penson pri tio? Neniu sin demandis pri tio.

Dum kelkaj jaroj la situacio ne evoluis. Sed lia senpoveco por fari ion, tiel, kiel lia senpasieco, finis incitegi lian parencaron, kaj li fariĝis turmentato, speco de martiro-bufono, de viktimo forlasita al la denaska kruelegeco, al la sovaĝa gajeco, de la brutaloj kiuj ĉirkaŭis lin.

Oni imagis ĉiujn kruelajn ŝercojn, kiujn lia blindeco povis sugesti. Kaj por pagigi lin pro tio, kion li manĝis, oni faris de liaj manĝoj, horojn da plezuro por la najbaroj kaj torturon por la kripulo.

La kamparanoj de la proksimaj domoj ĉeestis al tiu aĉa distraĵo; oni diris tion unu al la alia, de pordo al pordo, kaj ĉiutage la kuirejo de la farmbieno pleniĝis de fiŝerculoj. Jen oni metis sur la tablon, antaŭ lia telero en kiu li ekis elĉerpi la buljonon, ian katon aŭ ian hundon. Instinkte la besto flaris la kripleco de la viro, kaj malrapide alproksimiĝis, senbrue manĝis, delikate lektrinkis; kaj kiam langoklakado iom bruema atentigis la kompatindan ulon, ĝi singarde foriĝis por eviti la kulerofrapon, kiun li hazarde ĵetis antaŭ si.

Tiam estis ridadoj, puŝadoj, piedfrapadoj de la spektantoj amasigitaj laŭlonge de la muroj. Kaj li, sen neniam diri vorton, reekis manĝi per la dekstra mano, dum li antaŭante la maldekstran por protekti kaj defendi sian teleron.

Jen oni maĉigis al li korkojn, lignon, foliojn kaj eĉ malpuraĵojn, kiujn li ne povis distingi.

Poste, oni laciĝis eĉ je la serĉoj; kaj la bofrato kiu furiozis pro ĉiama nutrado al li, batis lin, senĉese vangofrapis lin, ridante pri la vanaj klopodoj de la malfeliĉulo por eviti la batojn aŭ redoni ilin. Tiam estis nova ludo: la vangofrapoludo. Kaj la bienservistoj, la kruda bofrato, la servistinoj, ĉiumomente ĵetis al li sian manon tra lia vizaĝo, kio provokis rapidan movon de liaj palpebroj. Li ne plu sciis sin kaŝi, kaj restadis senĉese kun la brakoj etenditaj por eviti la alproksimiĝojn.

Fine, oni devigis lin almozpeti. Oni alkondukis lin sur la vojojn dum la bazartagoj,

kaj ĉiam kiam li aŭdis paŝbruon aŭ veturiloruladon, li aletendis sian ĉapelon balbutante: «Faru al mi favoron, mi petas.»

Sed la kamparanoj ne estas prodigemaj, kaj dum plenaj semajnoj, li ne reportis eĉ unu soldon.

Tiam komenciĝis furioza kaj malkompatema malamo kontraŭ li. Kaj jen kiel li mortis.

Dum iu vintro, la tero estis surŝutita per neĝo, kaj horore frostis. Nu, iun matenon, lia bofrato kondukis lin, tre malproksimen, sur grandan vojon por almozpetigis lin. La brutalo lasis lin dum la tuta tago, kaj kiam noktis, li asertis al sia servistaro ke li ne trovis lin. Poste li aldiris: «Sufiĉas! Ne necesas zorgi pri li, iu forkondukis lin, ĉar li frostis. Ja kompreneble! Li ne estas perdita. Li ja revenos morgaŭ por manĝi la supon.»

La posta tago li ne revenis.

Post longaj horoj da atentado, frostorigida, sentante sin mortonta, la blindulo ekmarŝis. Ne povante rekoni la vojon superkovritan de neĝŝaŭmo, li hazarde vagis, falinte en la fosaĵon, ŝtariĝinte, ĉiam muta, serĉante domon.

Sed la malvigliĝo pro la neĝo iom post iom estis invadinta lin, kaj liaj feblaj kruroj ne plu povis porti lin, kaj li sidiĝis meze de ebenaĵo. Kaj li ne plu stariĝis.

La blankaj neĝeroj kiuj ĉiam daŭrigis fali entombigis lin. Lia rigida korpo malaperis sub la seninterrompa akumulado de tiu senfina blanka amaso; kaj nenio plu montris la lokon, kie la kadavro kuŝis.

Dum unu semajno, liaj parencoj ŝajnigis sin informiĝi kaj serĉi pri li. Ili eĉ ploris.

La vintro estis severa, kaj la degelo ne okazis rapide. Nu, iun dimanĉon, irante al la meso, la farmistoj ekrimarkis grandan flugadon de korvoj, kiuj senfine turniĝadis super la ebenaĵo, kaj kiel nigra pluvo amase falis al la sama loko, reforiris kaj ĉiam revenis.

La sekvantan semajnon, la nigraj birdoj estis ankoraŭ tie. Kvazaŭ nigra nubo, ilia amaso plenigis la ĉielon, kiel se ili kuniĝis el ĉiuj anguloj de la horizonto; kaj ili lasis sin fali kun grandaj krioj en la lumegan neĝon, kiun ili strange makulis, kaj obstine priserĉis.

Knabego iris por vidi kion ili faris, kaj malkovris la korpon de la blindulo, kiu estis jam duonformanĝinta kaj disŝirinta duonformanĝita kaj disŝirita. Liaj senbrilaj okuloj estis malaperintaj, trapikitaj de la longaj voremaj bekoj.

Kaj mi neniam povas senti la intensan gajecon de la suntagoj, sen malĝoja rememoro kaj melankolia penso al tiu mizerulo, tiom malfavorita per la vivo, ke lia horora morto estis malpezigo por ĉiuj (tiuj) kiuj konis lin.

L

*a 31an de marto 1882.*

esperantigis el la franca

**Noël Lecomte (Francio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_